


# AGADO

DE ESPERANTISTA GRUPO
ĈE MěstOB EN JIHLAVA
OKTOBRO 1961 N-ro 5

# FORTE KURAĜE KAJ ELEGANTE

INTERVJUO DE NIA REPORTERO KUN SPORTMAJSTRO KAREL MUCHA




Via nomo estas konata eĉ eksterlande kaj en nia urbo, vi estas tre populara persono. Tamen pro via modesteco eĉ viaj amikoj ne scias multe pri via privata vivo. Pardonu nian scivolemon kaj bonvolu respondi por niaj legantoj kelkajn demandojn. Multaj el viaj kursanoj ĝis nun kredas pro via lerta kursgvidado, ke vi estas profesoro. Ĉiujare ili komence eĉ opinias, ke vi estas eksterlandano, ĉar vi instruas laŭ Ĉe-metodo.

KIO VI VERE ESTAS?

Mi laboras kiel elektroteknikisto en nacia entrepreno Technometra en Jihlava.

KIEL VI ESPERANTIĜIS?

Jam antaŭ 15 jaroj mi unue parolis Esperanton. Mi komencis lerni mem kaj sola. Poste mi vizitadis kurson kaj dum 1 jaro mi preparis min por ambaŭ ekzamenoj. En Doksy mi estis kvinfoje en Somera Kolegio. Plej grava estis por mi la atesto, subskribita persone de Andreo Czeh, fondinto de fama Ĉe-metodo. Esperanton mi instruas jam 14 jarojn.

KIAM VI KOMENCIS SPORTI EN PAFADO?

Pri sportpafado mi interesas jam dum 7 jaroj. Mi ĉiam klopodis sportpafi forte, kuraĝe kaj elegante, kaj mi opinias, ke mi sukcesis.

KIAJN SUKCESOJN NACIAJN KAJ INTERNACIAJN VI ĜIS NUN HAVIS?

En jaro 1957 mi estis majstro de respubliko kaj de tiu ĉi jaro mi ĉiam estis en teamo de respublikmajstroj. El eksterlandaj sukcesoj estas por mi la plej gravaj titolo de mondmajstro kun nova mondrekordo, kiun mi gajnis en Moskvo 1958 kaj tria loko en Eŭropa ĉampioneco en Milano 1959. Bonajn sportajn rezultojn mi akiris ankaŭ en aliaj ŝtatoj, ekzemple en Svisujo 1960 kaj denove en Moskvo 1961.

ĈU VI UZIS ESPERANTON DUM VIAJ VOJAĜOJ?

Kelkfoje mi havis okazon paroli Esperante en eksterlando. Sed estas necese scii, ke mi vojaĝas eksterlanden ne kiel turisto, sed kiel sporta reprezentanto de nia ŝtato kun unu grava celo: atingi plej altajn rezultatojn. Kaj pro absoluta tempomanko mi ne povas tie serĉi esperantistaron.

Vi kunfondis Esperanto-rondeton ĉe Domo de klerigo en Jihlava antaŭ 5 jaroj kaj ĉiujare vi instruas en kursoj. Kiel via helpanto dum la kursoj mi bone memoras, ke la lecionoj estis ĉiam gajaj kaj amuzaj. Multaj frekventantoj rakontis al mi, ke la esperantaj lecionoj estas por ili amuza ripozo kaj ili estis kontentaj kun „la profesoro“. ĈU VI ESTIS SAME KONTENTA KUN LA GEKURSANOJ?

Mi povas diri, ke jes. Ke mi povu bone instrui forte, kuraĝe kaj elegante, mi ĉiam bezonas helpon de gelernantoj. Ju pli bona kunlaboro kun gelernantoj des pli bonaj rezultatoj.

KAJ KION VI POR FINO KONSILUS AL NIAJ GELEGANTOJ?

Scii iomete pli ol la aliaj signifas ĉiam esti iomete pli riĉa. Esperanton por ĝia facileco vi povas ellerni dum 6 monatoj. Ne estas necesa ia talento por lingvoj, sufiĉas forta volo kaj persisto. Nur estas necese fini la komencitan studadon, ne resti sur duona vojo. Do mi esperas, ke mi vin ĉiujn, kiuj kun mi finis en lastaj jaroj kurson por komencantoj, vidos ĉi-jare sidi en dua kurso, kurso konversacia. Do, ĝis la revido!

Fotografis kaj intervjuis F. TICHÝ



## *Estrada grupo „Kvítko“ (Floreto)*

laboranta ĉe Domo de Klerigo en Jihlava, fondiĝis en januaro 1960 kun celo amuzi kaj eduki la rigardantojn per distraj temaj programoj (kantoj, teatrajetoj, deklamajoj). Sub lerta gvidado de direktoro k-do Robert Konopásek la grupo atingis baldaŭ bonajn sukcesojn. Pasintjare ĝi partoprenis centran tutŝtatan konkuron en popola kreado en Nitra. Ankaŭ en ĉi-jaraj konkuroj ĝi atingas bonajn rezultatojn. En distrikta porjunulara konkuro ĝi prezentis parton de sia programo „Ek al la rekreado“ kaj estis elektita por supera regiona konkuro en Brno. La grupo „Kvítko“ estas konata al amikoj de bona estrado en la tuta distrikto de Jihlava kaj eĉ ekster ĝi. Pasintjare ĝi prezentis sin sukcese al la rekreantoj de Revoluciaj Sindikatoj en Špindlerův Mlýn kaj Doksy — Máchovo jezero. Dum unu jaro ĝi efektivigis 45 tutvesperajn prezentadojn. Por sia bona laboro dum la antaŭbalota kampanjo kaj por multnombraj alveturoj al vilaĝoj dum rikoltlaboroj estis la grupo honorita per diplomo de la Distrikta Nacia Komitato en Jihlava. Ĉiuj membroj, kiuj laboras amatore kaj senprofite, ankaŭ volonte transdonas siajn spertojn al novaj komencantaj grupoj. „Kvítko“ alportas jam duan jaron al sia publiko zorge preparitajn programojn, per kiuj ĝi scias amuzi samtempe donante per satira formo instigon al pripensado. Por honori la 40-jaran datrevenon de Komunista Partio de Ĉeĥoslovakio faris la grupo kamparen rondvojaĝon kun 10 prezentadoj. Ni esperas, ke nova programo, jus prezentata, alportos al la grupo kaj al ĝia artĉefo k-do Konopásek novajn merititajn sukcesojn.

## INSTRUMENTA GRUPO DE VÁVRA, KOLEKTIVO DE DOMO DE KLERIGO EN JIHLAVA



eniras ĉi-jare la 16-an jaron de sia ekzistado. Dum 15 jaroj ekkonis ĝin dekmiloj da rigardantoj en nia tuta lando. Al ili la grupo prezentas popolkantojn de insuloj en Pacifiko kaj el Latina Ameriko, do el landoj malproksimaj geografie, tamen proksimaj al ni per sia penado al libereco. La grupo zorgeme studas popolkantojn de multaj landoj. Tiucele ĝi kontaktis amike kelkajn eksterlandajn muzikgrupojn. Ankaŭ pere de Esperanto ĝi akiris valoran materialon kaj programerojn. Same ĝi per bona kunlaboro kun eksterlandaj grupoj propagandas nian popolmuzikon en fremdaj landoj. La grupo de Vávra interpretas popolkantojn meksikajn, el Kubo, Brazilio, Argentino, plue de popoloj el Afriko kaj Indonezio, de fiŝkaptistoj, kamparanoj, gejunuloj kaj geamantoj. La kantoj esprimas ĝojon kaj zorgojn, ridon kaj larmojn de simplaj homoj de tiuj ĉi foraj landoj. Ĉiujn kantojn prezentas la grupo originale, en lingvo de landoj de ilia deveno. En studado de la tekstoj kaj en aliaj lingvaj demandoj helpas al la grupo kelkaj fakuloj. En siaj kantoj, ĉe ni tiom ŝatataj, etendas la grupo amike la manon malproksimen trans oceanojn, kie same kiel en nia lando ĉiuj honestaj homoj sopiras la amikecon kaj interkompreniĝon inter ĉiuj popoloj. Estas necese ankoraŭ scii, ke ĉiuj membroj de la grupo laboras en ĝi amatore kaj senprofite, post sia profesia okupo. Ni kore deziras al ĉiuj, kaj precipe al la gvidanto kaj fondinto, k-do Oldřich Vávra multajn sukcesojn en longjara plua laboro.

*Julie Šupichová*

# Mluvím esperantsky

*(Mi parolas Esperante)*

4-a daŭrigo

211. Prosím: velkou porci bílé kávy bez škraloupů. — Mi petas: grandan porcion da kafo kun lakto sen krusto.

212. Dejte mi ještě jeden rohlík. — Donu al mi ankoraŭ unu kornbulkon.

213. Pijete čaj s citronem nebo s mlékem? — Ĉu vi trinkas teon kun citrono aŭ kun lakto?

214. Prosím ovocnou zmrzlinu, ale jen malou porci. — Mi petas fruktan glaciaĵon, sed sole duonan porcion.

214. Jsou také restaurace s jídelními lístky v esperantu? — Ĉu ekzistas ankaŭ restoracioj kun manĝokartoj en Esperanto?

215. Ovšemže (jsou). — Certe.

NA ULICI. — SUR LA STRATO.

216. Jsem cizinec a rád bych si prohlédl vaše město. — Estante fremdulo mi ŝatus vidi (trarigardi) vian urbon.

217. Kde najdu průvodce městem? — Kie mi trovos gvidiston tra la urbo?

218. Kolik obyvatel má vaše město? — Kiom da loĝantoj estas en via urbo?

219. Máte plánek města? — Ĉu vi havas stratplanon de la urbo?

220. Jak se jmenuje toto náměstí? — Kiel estas nomata ĉi tiu placo?

221. Co představuje tento pomník? — Kion prezentas ĉi tiu monumento?

222. Naše muzeum má mnoho lidových, přírodovědeckých a historických sbírek. — Nia muzeo havas multe da folkloraj, natursciencaj kaj historiaj kolektoj.

223. Praha náleží k nejstarším veleměstům střední Evropy. — Praha apartenas al la plej antikvaj urbegoj de la centra Eŭropo.

224. Je odsud daleko k nábřeží? — Ĉu estas malproksime de ĉi tie al la kajo?

225. Můžeme vystoupiti na věž? — Ĉu ni povas supreniri la turon?

226. Kam mám jít, abych přišel do Botanické zahrady? — Kien mi iru por veni en la Botanikan ĝardenon?

227. Kde prodávají nějaké vzpomínkové věci, rád bych je přivezl své rodině? — Kie oni vendas memoraĵojn, mi ŝatus alporti ilin al mia familio?

228. Dává se tu spropitné? — Ĉu oni donas ĉi tie trinkmonon?

229. Chci podniknout ještě nějaký polodenní nebo celodenní výlet. — Mi volas entrepreni ankoraŭ duontagan aŭ unutagan ekskurson.

230. Jeďte na Moravu, abyste poznal naše krásné národní kroje. — Veturu Moravion por ekkoni niajn belegajn naciajn kostumojn.

DOPRAVA. — INTERKOMUNIKO.

231. Kde je stanoviště automobilů. — Kie estas starejo de aŭtoj?

232. Které číslo má vaše auto? — Kiun numeron havas via aŭtomobilo?

233. Jezdí tento autobus každý den? — Ĉu tiu aŭtobuso veturas (frekventas) ĉiutage?

234. Vyjíždí každého rána o 7. hodině z Karlova náměstí. — Ĝi forveturas ĉiumatene je la sepa horo de Placo de Karolo.

235. Ta silnice je dobře a moderně zbudována. — Tiu ŝoseo estas bone kaj moderne konstruita.

236. To je zásluhou socialistické brigády mládeže. — Tio estas merito de la socialista junulara brigado.

237. Je mnoho čekáren podél elektrické dráhy? — Ĉu estas multaj atendejoj laŭlonge de la tramvojo?

238. Jaká je cena v nočních vozech? — Kiu estas la prezo en la noktovagonoj?

239. Platí tento lístek jako přestupný? — Ĉu tiu ĉi bileto rajtigas la vagonŝanĝon?

240. Staví vůz na příští stanici? — Ĉu la vagono haltos ĉe la proksima haltejo?

241. Kdy odjíždí tento parník? — Kiam forveturas ĉi tiu vaporŝipo?

242. Mám si koupit zpáteční lístek? — Ĉu mi aĉetu revenbileton?

243. Dnes uvidíte údolní přehradu. — Hodiaŭ vi ekkonos envalan riverbaraĵon.

244. Pohleďte na vodu, jak šumí! — Rigardu la akvon, kiel ĝi ŝaumas!

245. Ubohý topič, jak se potí. — La kompatinda hejtisto, kiel li ŝvitas.

246. Začíná silný vítr a loď se houpe. — Estiĝas forta vento kaj la ŝipo balanciĝas.

247. Rád bych se seznámil s kapitánem lodi „Vltava“. — Mi volonte interkonatiĝus kun la kapitano de la ŝipo „Vltava“.

248. Kde je letiště? — Kie estas la aviadejo (flughaveno)?

249. Kdy odletí ten letoun? — Kiam forflugos ĉi tiu aviadilo (aviono)?

250. Tyto lety jsou pravidelné. — Ĉi tiuj flugoj estas regulaj.

251. Je hlášen přílet nějakého letadla? — Ĉu estas anoncita veno de iu aeroplano?

252. Máme letecké spojení do všech zemí. — Ni havas aviadan komunikon kun ĉiuj landoj.

POŠTA. — POŜTO.

253. Je ještě otevřen poštovní úřad? — Ĉu la poŝt(ofic)ejo estas ankoraŭ malfermita?

254. Můžete mi říci, kde se vydávají doporučené dopisy? — Ĉu vi povas diri al mi, kie oni ricevigas registritajn (rekomenditajn) leterojn?

(Daŭrigota)

En aprilo 1961 ni aperigis en „Jiskra“, distrikta organo de Komunista partio artikolon „Ni serĉas tombon de soveta heroo.“ En la artikolo ni petis helpon de la publiko pri serĉado de tombo de 18-jara leŭtenanto tankisto Boris G i n d i n, kiu pereis en nia distrikto en majo 1945. Liaj gepatroj deziris ekscii detalojn pri lia pereo kaj entombigo. Ni serĉis unue en urba tombejo en Jihlava, sed tie lia tombo ne troviĝas. Ni demandis skribe ĉe Naciaj Komitatoj en Štoky kaj Havlíčkův Brod. Oni respondis al ni afable, ke ĉiuj korpoj de heroaj sovetaj soldatoj estis koncentritaj el tuta regiono por entombigo en Jihlava. Estas do preskaŭ certa, ke ankaŭ heroo Boris Gindin ripozas en nia urba tombejo en komuna tombo kune kun aliaj nekonataj soldatoj. Honoron al lia memoro!

**Kontribuoj por AGADO**

Langová 20,—, A. Svobodová 2,—, Blažek 15,—, Kolářová 10,—, Hadraba 10,—, Piskačová 10,—, Bořilová 5,—, Švengr 10,—, Mezlík 10,—, Medová 5,—, Oldřich a Eva Poláčkovi 50,—, Vlček 15,—, J. a V. Kotenovy 10,— Prchalová 10,—, Kárník 20,—, Čápová 20,—, Holzmannová 20,—, Matula 10,—, R. Hortenský 10,—, Míla Urbanová 10,—, ĉiuj el Jihlava. Plue Babicová, Kojetín 10,—, Malý, Kojetín 5,—, Kopecký, Ivanovice 20,—, Klíma, Nezamyslice 3,—, Pospíšilová, Kojetín 10,—, Kašpárek, Nížkov 15,—, Tupá, Želetava 20,—, Buhr, Praha 10,—, Musil, Luka 10,—, Králová, Brtnice 10,—, Rychnovský, Luka 20,—, Inĝ Guttmann, Horská Bystrice 10,—, Krčová, Třebíč 10,—, Fikarová, Dobronín 10,—, Chmelová, Kojetín 10,—, Jindra, Hor. Krupá 10,—, Tichý, Bílá Voda 10,—, A. Neuwirtová, H. Brod 10,—. E-rondetoj: Pivovar Přerov 10,—, JZD V. Jeníkov 10,—, Dvůr Králové 15,—. Ni kore dankas por la nobla helpo.

Redakcio de AGADO ricevis peton pri represo de alvoko al ĉiuj fotoamatoroj. Ni ŝate publikigas teksteron de ĝi:

Sub protekto de la Hungara Esperanto-Asocio intencas hungarlanda faksekcio de la Internacia Ligo de Esperantistaj Foto-kinoamatoroj aranĝi en jaro 1962 (verŝajne septembre) en Budapeŝto „Danubovalan Amatoran Filmfestivalon kaj foto-ekspozicion“.

En laborplano de prepara komitato estas multaj entreprenoj, kies celo estas krei veran internacian amikecon kaj komune labori inter la kino-fotoamatoroj en signo de paco. Por tiu nobla laboro oni serĉas kunlaborantojn el danubovalaj landoj (Ĉeĥoslovakio, Aŭstrio, Germanio, Hungario, Jugoslavio, Rumanio kaj Bulgario). La kolektivo petas multajn proponojn kaj konsilojn por komuna organiza laboro de la Festivalo. Skribu amase al „Internacia Ligo de Esperantistaj Fotoamatoroj, poŝtkesto 6, BUDAPEŜTO 119, Hungario“.

KORESPONDI DEZIRAS

Dan Popescu, Str, Unirü 75 TURNU SEVERIN, Rumanio.

Esperanto-grupo GRAFIA, libropresejo, Srázná 17, JIHLAVA — Ĉeĥoslovakio.

UPOZORNĚNÍ. Žádáme ty, kteří nám nevrátili dotazník ze 4. čísla AGADA, aby tak učinili ještě dnes. Dotazníkovou akci uzavíráme dnem 31. října 1961.
KURSY ESPERANTA pro pokročilé a mírně pokročilé zahájíme společnou hodinou v pondělí 30. října v 19 hod. v Učňovské škole Zizkova ul. Tamtéž začnou v úterý 31. října v 19 hod. kursy pro začátečníky. Upozorněte nové zájemce mezi svými známými.

NA POMOC ČTENÁŘI

akiri — dosáhnouti
amase — hromadně
aranĝi — uspořádati
atesto — vysvědčení
baloto — hlasování
Danubo — Dunaj
detalo — podrobnost
deveno — původ
distra — rozptylující
distrikto — okres
duono — polovina
eduki — vychovávati
efektivigi — uskutečniti
elekti — zvoliti
entrepreno — podnik
esprimi — vyjádřiti
etendi — vztahovati
fiŝkaptisto — rybář
fondi — založiti
fora — vzdálený
frekventanto — účastník
fremda — cizí
gajni — získati
honesta — poctivý
honoro — čest
instigi — nabádati
insulo — ostrov
intenci — zamýšleti
kamparano — venkovan
klopodi — snažiti se
konkuro — soutěž
konsili — raditi
korpo — tělo
krei — tvořiti
larmo — slza
lerta — zručný, dovedný
merito — zásluha
modesta — skromný
nobla — ušlechtilý
opinii — domnívati se
partopreni — účastniti se
peni — namáhati se
peti — prositi
perei — zahynouti
persisto — vytrvalost
prepari — připraviti
prezenti — představiti
profito — zisk
propono — návrh
protekto — ochrana
regiono — kraj
rezultato — výsledek
rikolto — žně
ripozi — odpočívati
sindikato — odbor
signo — znamení
signifi — znamenati
sopiri — toužiti
sperta — zkušený
teamo — sport. družstvo
tombo — hrob
valo — údolí
zorgi — starati se

AGADO, informilo de Esperantista rondeto ĉe MěstOB en Jihlava. Aperas laŭbezone. Respondeca redaktoro V. Tyraček, Jiráskova 26, Jihlava. Pov. MěstNV 153 VA-1961. Presis Grafia 31, Jihlava. Q-10*11946